ESPERANTO - AGADO | Martin · Jihlava

## OSTRAVA

PETR BEZRUČ:

Vivis jarcenton mi en silent',
fosis mi karbon sub tero,
brako senkarna dum jaroj cent
iĝis muskolo el fero.

Kovras okulojn la karba polv',
lipo-rubenoj perdiĝis,
sur miaj haroj kaj barbo, brov'
polvo de karbo pendiĝis.

Mia manĝajo: kun karbo pan',
penoj alternas kun penoj,
apud Danubo el mia san':
vivo palaca, festenoj.

Centojn da jaroj senlacis mi,
kiel cent jarojn revoki?
Kiam martele minacis mi,
ĉiu komencis min moki.
Ke mi saĝiĝu, revenu nur,
plue laboru pormastre —
svingis martelon mi — en terur'
sangis Ostrava tuj vaste!

Ĉiuj vi, tuta minista amas',
lasu malpacon, vi filoj!
Kovru la bruston per ŝtala kiras',
gvidu atakon de miloj!

Ĉiuj vi mastroj de nia ĉikan',
kaŭzo de nia vivplago,
venos la tago, en fumo kaj flam',
venos la tag' de repago!

El la ĉeĥa tradukis
Rudolf Hromada

---

ALVOKO EL JAPANUJO ANTAŬ LA 18-a OLIMPIKO EN TOKIO: *Lernu kaj parolu esperanton!* Tokai Esperanto-Ligo (Syowa-ku Tohata-tyo 1-51, NAGOYA, Japanujo), dissendis flugfolion, en kiu ĝi turnas sin al la tutmonda esperantistaro kun alvoko, ke oni instigu la koncernajn sialandajn aŭtoritatojn, ke ili rekomendu Esperanton kiel interkomprenilon. „Ne forgesu, ke via favora agado povos rezultigi enkondukon de Esperanto kiel unu el la oficialaj lingvoj en estontaj Olimpikoj!" — skribas laŭ la decido de la „48-a Kongreso de japanaj esperantistoj" ĝia prezidantaro: Ter Isigura, Rihej Nomura kaj Masajoŝi Fukai.

# *Kultura jubileo slovaka*

En sia longa lukto por memstara nacia vivo en la estinta Aŭstra—Hungara Monarkio, la slovaka popolo atingis la unuan venkon en 1863, kiam estis permesite fondi ĝian unuan kulturinstitucion „Matica slovenská". Ĉar la slovaka nacio tiutempe ne havis eĉ naciajn lernejojn, Matica fariĝis por ĝi ĉio. Ĝi ekestis per memhelpo: ĝia unua sidejo estis konstruita surbaze de heleraj kolektoj inter la popolo, sed ĝi arigis ĉirkaŭ si ĉiujn fidelajn aktivulojn, kiuj per sia oferemo plantis la unuajn firmajn radikojn de la slovaka kulturo.

Dum 12 jaroj de sia ekzistado ĝi kolektis pli ol 10.000 librojn kaj 15 000 muzeajn objektojn. La atingaĵoj de ĝiaj sciencaj sekcioj estis aperigataj en ĝia Jarlibro. Krom ĝi estis eldonitaj 70 diversaj popolklerigaj publikaĵoj. El siaj modestaj monrimedoj ĝi subtenadis la unuajn slovakajn gimnaziojn, studentojn, artistojn, eĉ vilaĝojn kaj ekonomian entreprenadon. Ĝi meritiĝis ankaŭ pri la normigo de la slovaka ortografio.

Ĉi tia aktiveco ne povis plaĉi al la feŭda hungara nacia ŝovinismo. Tial la registaro ĝin malpermesis en 1879. Ĝia havaĵo estis konfiskita, ĝiaj kolektaĵoj estis forportitaj en Nitran kaj Budapeŝton; ĝiaj financaj rimedoj estis uzitaj por celoj kontraŭslovakaj, denaciigaj. Tiel Matica fariĝis simbolo de nacia suferado. Sed la firmajn radikojn jam ne estis eble forigi. Restis la homoj, restis ĝia tradicio, do ĝiajn taskojn daŭrigis aliaj institucioj kaj societoj en Martin, precipe la Muzea Societo, la porvinira societo Živena, Slovaka Kantĥoro kaj Libroeldoneja Akcia Societo, kiu zorgadis pri eldonado de slovakaj gazetoj kaj libroj.

Post la disfalo de la Aŭstra-Hungara Monarkio en 1918, Matica slovenská estis renovigita en Ĉeĥoslovakio, nacie libera ŝtato de ĉeĥoj kaj slovakoj. Ĝi rericevis la forpropriĝitajn kolektojn, ĝi ricevis la librokolektojn de Slovaka Muzea Societo, kaj tiel ĝiaj kolektoj de libroj kaj manuskriptoj iom post iom atingis la nombron de 450 000 unuoj. Ĝi eldonis la verkarojn de slovakaj klasikuloj, sed ĝi zorgis ankaŭ pri la samtempa literatura kreado, same kiel pri la slovaka ortografio, krome pri popolaj bibliotekoj en ĉiuj vilaĝoj. Ĝi zorgis ankaŭ pri la disvolvo de la arta popolkreado kaj popola teatro. Jare ĝi eldonadis 17 klerigajn gazetojn.

Post la liberigo fare de la Soveta Armeo kaj precipe post Venka Februaro 1948 ĝi ĉesis esti interhelpa societo kaj ekfunkciis kiel ŝtata scienca esplorinstitucio en funkcio de Slovaka Nacia Biblioteko. Ĝi estas unika monumento de la slovaka literaturo kaj centro de la unueca sistemo de la bibliotekoj en Slovakio. Ĝi kolektas la naciajn literaturajn produktaĵojn, konservas ilin por la estonto, disponigas ilin al sciencaj esploristoj kaj popularigas la slovakan literaturan heredaĵon. Ĝi eldonadas nacian bibliografion, publikaĵojn kaj gazetojn kaj faras librosciencajn esplorojn.

La solenaĵoj okaze de la 100-a datreveno de ĝia fondo komenciĝis per scienca konferenco en februaro ĉi-jara, estas daŭrigataj per eldonado de porokazaj publikaĵoj kaj kulminos la 4-an de aŭgusto en Martin, okaze de la 100-a datreveno de ĝia unua ĝenerala kunveno. Tiam estos metita la fundamenta ŝtono por la nova konstruaĵo de Matica slovenská en Martin.

(Koncize laŭ la artikolo de Alojz Kuruc)

Rim. de la red.: Ĉar Matica slovenská ekkonis la gravecon de Esperanto kaj komencis kunlabori kun Esperanto-rondeto ĉe Uzina Klubo de RSM de Maŝinfabrikoj de Turjec, ni petas ĉiujn esperantistojn kaj E-rondetojn, ke ili salutu la jubileantan Matica slovenská en Martin per bildkartoj el siaj urboj.

---

# DOKTORO DOMANIK

En la kontraŭtuberkulozan sanatorion Ĵulovec en Altaj Tatroj venis nova gasto. La pacientojn iom embarasigis, ke lin akceptis D-ro Ĉernik, la helpkuracisto — en blankaj mantelo kaj pantalono — neniam vidata ĉe la tramhaltejo similokaze kaj dejore vestita. Do certe ne temis pri lia parenco. Laŭ la impona nigra barbo kaj solena vesto oni konjektis, ke la novalveninto povus esti iu malsanasekureja ĉefkuracisto, alveturinta por kontrolo. Sed ĉi tiun supozon oni tuj forlasis, ĉar post la elkoraj manpremado kaj brakumado D-ro Ĉernik akompanis lin en la viran pavilonon, kie li ricevis apartan unulitan ĉambreton. Ankaŭ en la manĝosalono oni lin sidigis al aparta tableto. Por interkonatiĝi kun li, la paciento, sidanta apud la najbara komuna tablo, aliris por lin saluti kaj proponi siajn servojn.

— Viktoro Domanik! — prezentis sin la novulo. La paciento — verŝajne sub la influo de la eksterordinaraj akcepto kaj apartigo, komprenis: „D o k t o r o Domanik". Je la demando, kiel li rilatas al D-ro Ĉernik, la novulo ekridetis:

— Ni ja estis samklasanoj. Eĉ en la medicina fakultato ni ekstudis kune.

Ĉu tio ne estis sufiĉa argumento por kredi lin kuracisto? Precipe kiam oni lin ekvidis promeni kun D-ro Ĉernik! Kelkaj gepacientoj volis tion lerte eluzi kaj petis, ke li diskrete informiĝu ĉe la helpkuracisto pri ili, sed li tion rifuzis, ĉar temas ja pri „medicinista sekreto!"

Por diri la veron, Viktoro Domanik ne finstudis la medicinan fakultaton, ĉar jam ĉe la unuagrada rigorekzameno li malsukcesis el grava lernobjekto. Li — ĉiam

eminenta lernanto — seniluziiĝis kaj eksiĝis. Nur post longa odiseo li ekankris kiel gvidanto de junulara sanigejo. Sed en la lasta vintro li subite malsaniĝis. Kiam evidentiĝis, ke ne temas nur pri ordinara gripo, post anticipa kuracado en la distrikta malsanulejo li estis sendita en la sanatorion.

Kvankam ĝenerale li kondutis tre amike al la pacientoj, tamen li evitadis ilian societon. Li ne vizitadis la sanatoriajn legejon, klubejon, kinejon k. s. Sur sia balkoneto li kuŝis tiel silente, ke lian ekziston oni apenaŭ rimarkis.

La pacientoj fine komencis grumbli kaj protesti inter si:

„Kial tia profesiula sinapartigo? Ĉu li estas knedita el alia pasto? . . . Kial li evitas eĉ simplajn promenojn kaj interbabiladojn kun ordinaraj pacientoj? . . . Oni devus lin instrui, ke eĉ doktoro ne darfas alte teni la nazon, ĉar en la sanatorio li estas nur paciento kiel la ceteraj. Li devas adaptiĝi kaj ne provoki!"

De tago al tago pliprofundiĝis la abismo inter li kaj la sanatoria komuneco. La pacientaro ne povis lin kompreni kaj . . . pardoni: „Atendu nur, vi fierulo! Foje vi pentos . . ."

Kaj la tago de la venĝo alproksimiĝis rapide. Kiam li iun matenon malfermis sian ĉambropordon, falis teren kelkaj paperaĵoj. La unua estis telegramo: „VI GAJNIS LA ĈEFPREMION STOP STATA LOTERIO".

Unuamomente li tute ne ekkonsciis pri tio, ke la ŝtata loterio ne konas gajnintajn personojn, sed nur numerojn, do li tuj ĝojege ekscitiĝis.

Ankaŭ la dua estis telegramo, sed manskribita kaj invitanta lin al telefona interparolo sammatene je la 8-a horo . . .

La tria estis paperstrio, nelegeble subskribita de iu sanatoria flegistino, laŭ kiu li estas urĝe vokata al la direktoro por tuja persona interparolo . . .

Li vestis sin dece kaj rapidis unue al la direktorejo, sed trovinte ĝin fermita, al la privata loĝejo de la direktoro. Tiu estis tre surprizita, ĉar li neniun vokis por interparolo frumatene, ja eĉ dimanĉe. La subskribon de la flegistino li ne kapablis deĉifri kaj rekomendis pridemandi ĉiujn.

En la poŝtoficejo li eksciis, ke por li estas antaŭnotita nenio . . . Pri la telegramo evidentiĝis, ke ĝi estas falsa . . .

Kiam li ŝancele eliris, li ekvidis la flegistinon el la virina pavilono. Li alpaŝis ŝin senhezite kaj demandis ŝin pri la invito al la direktoro. Ŝi klarigis al li, ke la nomo sur la invitilo estas ŝia, sed la subskribo — kvankam lerta — tamen nur imitaĵo. Kaj ŝi kun rideto aldiris:

— Jes, hodiaŭ ne nur vi kuradas tien kaj reen, sed ankaŭ aliaj pacientoj, kiuj ricevis invitojn al D-ro Černik aŭ al la ĉefkuracisto, aŭ al kiuj oni enŝovis anonimajn leterojn kun bonhumora aŭ ridindiga enhavo. Kelkiuj iros en la apotekon por aĉeti „Tiestar—tablojdojn" kaj simile. Estas ja la unua de aprilo! Rigardu, ankaŭ mi ricevis ĉiuspecajn invitojn kaj komisiojn, sed mi neglektos ilin, ĉar ili devenas el la vira pavilono. Oni min malamas, ĉar mi ne allasas kaŝvitizojn en la virina pavilono.

Kiam Domanik reiris en sian ĉambreton por matenmanĝi, li trovis pluajn leterojn kun urĝegaj petoj, ke li tuj vizitu kelkajn fraŭlinojn, bezonantajn lian „fakkuracistan helpon". Jes, li estis tute forgesinta, ke hodiaŭ estas la tago de ŝercoj inter geamikoj. Sed kiajn geamikojn li havas ĉi tie? Li ja interrilatas kun neniu! Tio estas nur malĝentila, entrudiĝema mokincitado, ridindigado, humiligado! Sed li montros al ili! Ili ekvidos, kio estas aprila ŝerco! . . .

Li tuj enkofrigis ĉiujn siajn aĵojn kaj ŝlosferminte la ĉambron, reiris al la flegistino:

— Pardonu, fratulino, ke mi vin ĝenas, sed mi nepre volas repagi al la ŝercemuloj mian ŝuldon! . . . Hodiaŭ estas ne nur la unua de aprilo, sed ankaŭ dimanĉo. La ĉefkuracista vizito ne okazos kaj la plej gravajn Černik vizitis jam frumatene, ĉu? Do la aero estas pura. Bonvolu prizorgi por mi, sed tuj, blankajn mantelon kaj pantalonon. Poste ni vizitu kelkajn „eminentulojn" laŭ via indiko. Se iu mirus, mi simple ekdejoris ĉi tie kiel dua helpkuracisto. Oni min titoladas „doktoro", sed kiakaŭze, mi ne scias kaj ne zorgas pri ili . . . Ĉu vi konsentas? Nu bone.

Ili eliris gravmiene rekte en la viran pavilonon. La unuan viziton ili faris ĉe pala malforta vireto, alveninta antaŭ kelkaj tagoj, kiu konfideme petegis:

— Sinjoro doktoro, bonvolu permesi, ke mi povu ricevadi la manĝojn ĉi tie. La pacientoj, kun kiuj oni min sidigis en la manĝejo, faras abomenajn kritikajn rimarkojn. Tie mi ne kapablas manĝi kaj jam timas eĉ iri tien.

— Bone. Estu tiel. Sed poste vi devos manĝi, ĉar alie vi ricevados nur supon el „tinctura amara" kaj por trinki nur „aqua pumpata!"

La paciento dankis humile kaj ĝoje. Kaj nia paro tuj vizitis liajn tri kunulojn. Domanik alparolis la unuan:

— Laŭdire vi ĉi tie ne havas apetiton, ĉu vere?

— Al mi ne gustas tiaj „internaciaj" kuiraĵoj!

— Do vi ne manĝu! Vi restos en via ĉambro. Por vi la plej bona hejmeca kuiristo estos la malsato.

— Sed pardonu, kiamaniere . . .

— Fratulino, notu: — Negativa dieto kaj por trinki nur „aqua destillata". Punkto!

La dua paciento enmiksiĝis kolere:

— Verdire, oni ĉi tie tute ne scias kuiri. Sed mi mon trus al ili! . . .

— Bonege! Fratulino, notu: „La ĉefkuiriston, kiu morgaŭ eklibertempos, anstataŭos ĉi tiu paciento!" Mi gratulas al vi pro la nova posteno. Plenan sukceson! Sub via faka gvido la manĝigado certe pliboniĝos.

La trian li atentigis: — Vi interŝanĝos vian lokon kun la sinjorino de ĉe la najbara manĝotablo. Tie vi certe montriĝos bonedukita kunulo! . . .

En alia antaŭnotita ĉambro ili surprizis tri kartludantojn. Ĉe la tablopiedoj staris bierboteloj kaj surtable kuŝis monbiletoj.

— Do vi kartludas kaj trinkas bieron jam ekde matenmanĝo? Vi pekis kontraŭ la sanatoria regularo! Fratulino, bonvolu noti: „Ili ĉiuj forportos la plenajn botelojn, la ludkartojn kaj la monon — entute 75 kronojn — en la direktorejon, kiam ĝi estos malfermita. Tie ili pardonpetos kaj faros solenan promeson. Se ne, ili tuj morgaŭ devos forlasi la sanatorion." Ĉu komprenite? Dankon.

En la virina pavilono ili vizitis fraŭlinon, kiu intencis forveturi la sekvan tagon. Apud ŝi sidis edziĝinta paciento. Je la atentigo de Domanik, ke ili malobeis la sanatorian malpermeson, li protestis:

— Ni ja forveturos morgaŭ, do kia mentorado?

La flegistino rimarkigis:

— La fraŭlino petis antaŭtempan hejmenlason por povi forveturi kune kun ĉi tiu paciento.

— Fraŭlino, vi forveturos nur laŭtermine! — ordonis Domanik. — Sur via lasta rentgenbildo montriĝis ia necerta t u r b u l e n t o, kiu devas esti klarigita . . .

La fraŭlino ekploris. Domanik turnis sin al la viro:

— Vi forlasos la sanatorion morgaŭ sola. Kaj salutu de ni vian estimatan familieton, precipe viajn ĉarmajn infanetojn!

— Kiu min denuncis? — ekkriis la viro. — Kaj ĉu la aliaj darfas? Ĉu oni ne scias pri sinjorino Henn, kiu jam frumatene malaperadas kun sia sanatoria amato en la arbaron? Kaj ĉu oni ne scias pri . . .

Ĉi-maniere disŝiriĝis la sako kun informoj pri pliaj „bonaj firmaoj" kaj Domanik povis fari tute neĝenate ankoraŭ kelkajn kromordinarajn vizitojn kiel dua helpkuracisto ekde la unua de aprilo.

Poste li vizitis D-ron Černik:

— Mi petas de vi amikan servon. Permesu, ke mi povu resti ĉe vi ĝis la forveturo de la plej proksima tramo. Senkulpigu min ĉe la ĉefkuracisto kaj la direktoro, ke mi ne plu toleras la sanatorian medion kaj restos hejme sub fakkuracista kontrolo. Sed al vi mi diros la veron . . .

— Post tio vi nepre devas forveturi — rimarkigis Černik. — Kaj mi timas, ke ankaŭ la flegistino „forbrulos", ĉar ŝi misuzis la oficon aŭtoritaton! Nu, atendu iom: mi esploros la situacion en la direktorejo.

Daŭris unu tutan horon, ĝis li revenis al la senpacienca Domanik kaj alkriis lin ĝoje:

— Venko, kompleta venko! Vi estas la heroo de la tago! Fraŭlino Huk anoncis en la oficejo, ke ŝi ne forveturos, ĉar tiu „fripono" intencis ŝin delogi. La kritikantoj senkulpigis sin ĉe la nova malbonapetita paciento kaj petis lin, ke li savu ilin antaŭ la minacanta honto. Ankaŭ la kartludantoj-biertrinkantoj procedis laŭ via ordono. Sinjorino Henn jam revenis de la rendevuo kaj histerie furiozas en sia ĉambro . . . La direktoro larmis pro ridego, kaj la deĵoranta oficistino plendis, ke jam doloras al ŝi la diafragmo, ĉar ŝi devis serioze akcepti ĉiujn pentofarantojn. Kaj la ceteraj pacientoj? Kiam evidentiĝis, ke vi estas nek doktoro nek sanitaristo, ili

bonege amuziĝis kaj asertis, ke tian „prima" unuan de aprilo ili hejme neniam ĝuis. Kaj ili ĉiuj volas al vi gratuli!

Tiamaniere la abismo inter Viktoro Domanik kaj la pacientaro estis transpontita. Li restis kaj enviciĝis en la sanatorian kolektivon kiel „nia doktoro", daŭra elirpunkto kaj reeĥo de ĉiuspecaj pluaj ŝercoj kaj spritaĵoj, ekfajrigantaj bonhumoron kaj optimismon. Kiam li povis hejmenveturi resanigita, la pacientoj aranĝis honore al li adiaŭan programvespereton kaj akompanis lin korporacie al la haltejo, priregalante lin per bukedoj, do al la fremdaj pasaĝeroj ŝajnis, ke forveturas almenaŭ ia ministro.

*(El la kolekto „Eskulapo ridetanta" de Eliz)*

---

Kolorigita reproduktaĵo de la bildo de Jozefo Jambor

„D e g e l o s u r B l a t i n y"



Akademia pentristo Jozefo Jambor estas la plej elstara vivanta pentristo de Montetara regiono. Li naskiĝis en 1887 en Pohledec. Komence li studis geodezion, poste la Akamedion de Figuraj Artoj, kie li fariĝis disĉiplo de Loukota, Bukovac kaj Švabinský. En la jaro 1920—25 li entreprenis studvojaĝojn tra Jugoslavio, Nederlando kaj Italujo. Ekde la jaro 1926 li fariĝis membro de la Unio de Moraviaj Artistoj. En la jaro 1946 li ricevis la landan premion de Moravio-Silezio kaj en 1958 la regionan premion de Antonio Procházka pro la bildoj kun motivoj el Ĉeĥa-Moravia Montetaro. En 1962 li estis honorigita per la titolo „Meritinta artisto" pro sia tutviva pejzaĝpentra verko.

Jozefo Jambor estas tipa pentristo de la Montetara regiono. Ĝian belecon li bildigis en ĉiuj jarsezonoj, en ĉiuj kolornuancoj kaj etosoj. Lia kristaliĝinta realisma prezento de la pentrita objekto, la karakterizaj teknikaj elementoj de la verko, la pureco de la formo kaj la simpleco de la esprimmaniero faras liajn verkojn ĝenerale validaj artvalorajoj precipe hodiaŭ, kiam oni serĉas artan epsrimmanieron, per sia tuta koncepto respondantan al nia socialisma socio. (MILOŠ KREPS)

---

El Strakonice ni ricevis sciigon, ke la 5-an de januaro 1963 forpasis k-ado Alois Šindelář en aĝo de 63 jaroj. — Li laboris en nacia entrepreno FEZKO. Dum sia juneco li travojaĝis multajn landojn kaj dum kunvenoj de E-rondeto en Strakonice li sciis pri siaj travivaĵoj interese rakonti. Honor' al lia memoro!

P R I S V E D U J O NI SCIIĜAS TRA AŬSTRALIO. S-ano Eino Looritz, fakdelegito de UEA por filatelo (281 Murray HOBART, Tasmania, Aŭstralio) skribas al ni, ke la 27-an de marto la loka ŝtata televid-stacio prezentis specialan programon pri „La hodiaŭa Svedujo". Pro lokmanko ni ne povas raporti pri la detala programo, en kiu rolis ankaŭ la s-ano, al kiu ni kore gratulas.

ESPERANTISTA KLUBO EN PRAHA eldonis la 1-an n-ron de la ĉi-jara kolekto de sia Bulteno, informanta pri la agado en 1962. La nova prezidanto estas Miloš Rudolf. Kunvenoj okazadas ĉiuvendrede vespere en la nova kunvenejo (Praha-1, Řeznická 17). — Korespond-adreso de la Klubo: Esperanto, poŝtkesto 1108, Praha-1.

ESPERANTISTA RONDETO ĈE KPR EN BRNO eldonis la 2-an n-ron de sia Bulteno. Ni menciu almenaŭ la artikolon „Por la internacia lingvo en la sciento", tradukitan el la gazeto Życie Warszawy. Ĝia aŭtoro St. Chaskielewicz — kvankam neesperantisto — favoras Esperanton.

BONVOLU KOREKTI EN LA 1-a N-RO DE ESPERANTO-AGADO: pĝ 2 de supre 5-a alineo, 3-a linio, „ŝarĝis" je ŝ a r g i s, kaj en „Mikrofotoj . . ." pĝ 4, 1-a linio, „kolonado" je k o l o n a r o. Dankon!

# Kanto de l' kongresanoj

(Saluto al la 48-a UEK en Sofio 3.-10. 8. 1963)

Tempo di marcia — mp — piuf — mf

E-spe-ran-ti-stoj, ni ek-kan-tu ku-ne por ma-ni fes-ti la plej o-por-tu-ne bon-vo-lon ni-an en a-mi-ka ron-do,

meno f — 1.-2. strofoj — 3.-strofa f

ek-zem-plo-do-ne al la tu-ta mon-do fi-ne ek-fe- li- ĉu!

/Teksto kaj melodio de Eliz, Martin, 26. 12. 1962/

Esperantistoj, ni ekkantu kune
por manifesti la plej oportune
bonvolon nian en amika rondo,
ekzemplodone al la tuta mondo.

Kvankam ni venas el diversaj landoj,
ni ĉiuj estas pacaj batalantoj.
Nin kunvenigas frata sincereco
kaj ne ruzemo de plej fia speco.

Post hejmenveno plue ni laboru,
ke l' pacideo kresku kaj disfloru;
militsuferoj al la mond' sufiĉu
kaj la homaro fine ekfeliĉu!

---

## POLA GAZETO PRI LINGVAJ MALFACILAĴOJ DE LA JUNAJ TEKNIKISTOJ

Okaze de la aktivo en V. Meziříči k-do Miloš Lukáš, nia eminenta tradukisto, disdonis kelkajn ekzemplerojn de la 3-a n-ro „Informaj helpiloj de Klubo de esperantistoj ĉe Parko de Kulturo kaj Ripozo en Hradec Králové, entenanta la tradukon de la artikolo de Inĝ. H. S. Kozlowski, profesoro de Politekniko en Varsovio. La tradukon en la ĉeĥan liveris s. Zdeněk Hršel el la pola semajna gazeto „Przeglad Techniczny" n-ro 42 (12. X. 1962). Ni citas en Esperanta traduko nur la duan parton, ĉar la unua estis represita slovaklingve en „Esperanto", multobligita cirkulero en Martin.

„La naciaj lingvoj estas malfacilaj, tial neniu el ili taŭgas kiel lingvo internacia. Ĉiuj postulas de la fremdlandano grandan memorostreĉon, se li volas ellerni la derivaĵojn, kunmetaĵojn (kunmetitajn vortojn) kaj tutajn idiomaĵojn (= úsloví — úslovia), kies signifo ne evidentiĝas el ties unuopaj konsisteroj (= složka — zložka). Ekz. se ni konas la anglajn vortojn b r i n g, b e a r, a b o u t, h o m e, ni ankoraŭ ne scias, kion signifas *bring to bear, bring home, bring about*, se ni ne ellernas aparte ĉiujn ĉi idiomaĵojn.

La hodiaŭa disvolvo de la scienco, tekniko kaj ĉiuj aliaj sferoj de la homa vivo postulas ĉiam pli precizan esprimmanieron. Tamen ne sufiĉas la vortoprovizo de la fremda lingvo, eĉ akirita per plej granda fortostreĉo. Nature ne temas pri homoj, veturadantaj por plezuro, ĉar al ili sufiĉas kelkcent plej ĝeneralaj esprimoj.

La unusola radikala solvo de la problemo estus akcepti kiel duan lingvon tian lingvon, kies perfekta ellernado estos ebla por ĉiuj sen troŝarĝo de la memoro. Tia povas esti nur lingvo logike konstruita, kie ĉiu kunmetaĵo devas signifi tion, kio evidentiĝas el ĝiaj konsisteroj. — Se ni aldonos pluan principon, ke en la gramatiko de tiu ĉi lingvo ne estu eĉ unusola escepto, ni povas manipuli la derivaĵojn kaj kunmetaĵojn sen aparta lernado, kaj en neimagebla amplekso. Kaj se ni starigas pluan kondiĉon, ke ĉiu sono respondu nur al unusola litero ke ĉio nevivanta ne havu gramatikan genron, ke ĉiuj verboj por la sama tempo havu la saman finaĵon kaj ke la fundamentaj vortoj estu prenitaj el la plej disvastigitaj lingvoj, ni ricevos lingvon kiun ni dum relative mallonga tempo povos ellerni tiagrade, kiel tio estas ebla ĉe neniu nacia lingvo.

En la mondo eble ne troviĝas klera homo, kiu ne estus aŭdinta pri Esperanto, sed malmultaj scias, ke ĝi estas bazita sur la menciitaj principoj. (Rimarkigo de la redakcio: sekvas praktikaj ekzemploj, kiuj al ni ĉiuj estas bone konataj)

Por ni teknikistoj la elekto de ĝusta oficiala internacia lingvo estas gravega pro la rapide disvolviĝantaj interrilatoj kun eksterlando. La rapida disvolvo de Esperanto en la tuta mondo kaj ĉiam pli vasta ekkono de ĝia signifo, vekas grandan esperon. Tre favora por Esperanto estas la ebleco facile kompili fakajn vortarojn, ĉar en ilin transiras la fakaj terminoj ĝenerale akceptitaj en ĉiuj lingvoj. Ili estas skribataj fonetike kaj finitaj per normaligitaj finaĵoj. Simile ankaŭ la logikaj kunmetaĵoj. Ĉi-rilate la aŭtoro de ĉiu tiu artikolo perdis ĉiujn dubojn, kiam li ekvidis la komencon de elektroteknika vortaro kompilita de unu el liaj kolegoj. Kiam mi komparis ĝin kun la Scienca kaj Teknika Terminaro, eldonita en Tokio en 1956, kiun mia kolego ne konis, evidentiĝis ke preskaŭ ĉiuj vortoj estas indentaj. Tio nepre devis okazi, ĉar ekz. rezisto + ilo estas rezistilo k. s. Nature ankaŭ kiam estas kompilataj esperantlingvaj vortaroj, povas montriĝi kelkfoje dubo kaj malfacilaĵoj, sed ili similas al la malhelpaĵoj en la naciaj lingvoj kiel veturado sur aŭtoŝoseo al la veturado en tereno."

---

## ESPERANTO-RONDETO EN MARTIN

jam la duan jaron funkcias en la Uzina Klubo de Maŝinfabrikoj de Turiec. La kunlaboro estas bona dank' al la sistema kaj celkonscia agado de la rondeto. Dum la I-a kvaronjaro ni okazigis 9 kunvenojn kaj 1 plenkunsidon. Dum la kunvenoj (ĉiumarde je la 19-a h.) ni pritraktis politikajn kaj kulturajn aktualaĵojn kaj detale priparolis la 13-a n-ron de Informoj de Ĉs. Esp. Komitato por povi plibonigi nian laboron. Por la lingva parto ĉiu rondetano devas nun memstare sin prepari kaj poste ĝin gvidi por akiri spertojn kaj memkonfidon. - La plenkunsidon partoprenis k-do Šmid, prez. de Uzina Klubo, kiu interalie citis la leteron de ĈSEK el Praha, taksantan nian rondeton kiel la plej aktivan en Slovakio kaj unu el la plej bonaj en nia Respubliko. Post la kvaronjara raporto de la rondetgvidanto kaj post diskuto, k-do Minca projekciis diafilmon pri Budapeŝt kaj kolorajn diapozitivojn de k-do Kerek pri la lago Balaton. Ĉi-okaze ni sendis salutleteron al la hungaraj esperantistoj en Budapeŝt. — En la kadro de ĝemeliĝo Jihlava—Martin aperis presita metodologia helpilo Esperanto — Agado kaj por la kursanoj instru-tekstoj. — La rondeto kunlaboras kun Matica slovenská, helpante dece soleni la 100-an datrevenon de ĝia fondo. Ni esperantigis informan artikolon, sciigojn kaj broŝuron. — El inter la aranĝoj de la rondeto menciinda estas la jam tradicia printempa ekskursa kunveno en la banloko Turčianske Teplice la 25—26-an de majo. — La 48-an UK en Sofio partoprenos s-ano Čambál.

## O T A D U B : L A K O R K O

Korko sur akvo. Ĝi restas ĉiam supre. Ĝi havas nek antaŭaĵon nek postaĵon. Ĝi balanciĝas. Sur la ondoj. Ĉiam laŭ la ondoj, neniam kontraŭ ili Kaj laŭ la fluo. Kiam venas akvokirlo, ĝi malaperas en ĝi. Ĝi baraktas, turniĝas kaj flugas de loko al loko, en tio ne regas ordo, nur unu certeco. La korko troviĝas ĉiam supre. Eĉ kiam ĝin transŝprucas la ŝaŭmo. Kaj poste denove silentejo, le rivero fluas maldiligente, larĝe, potence. Sur ĝia dorso, kvazaŭ sur elefanto, sidas kaj kantetas la korko. Ĝi konas nenion, nek horizontojn nek limojn, ĝi tranaĝas ĉion. Ĝi timas nur unu aferon. La bordon. Ke ĝi ne ekhaltu sur ĝi kaj ne sekiĝu. Tial ĝi tenas sin en la mezo de la fluo. Kaj en tio konsistas ĝia aktiveco.

El la ĉeĥa tradukis Eliz (Literární noviny, 22. 12. 1962)

---

ESPERANTO — AGADO MARTIN — JIHLAVA, metodický list — metodologia helpilo, aprilo — junio 1963
Grafia JIHLAVA. Pov. MěstNV-90-VA-63. Q-17*31767